12-6-68

Jaro IV/VIII. N-o 8 (44). Majo 1927.

# Sennacieca Revuo

Monata Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda
FONDITA EN 1919

LITERATURO — SCIENCO — PEDAGOGIO

ENHAVO:



Redakcio: 1-a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5, Moskvo I (USSR)
Administracio: Rich. Lerchner, Colmstrasse 1, Leipzig O 27 (Germ.)

# POLITIKO

## Unuakta komedio[1])

*DAVID PINSKI*

**LUDANTARO:**

Kanceliero.
Lia Edzino.
Estro de la Flavuloj.
Estro de la Nigruloj.
Estro de la Bluuloj.
Estro de la Grizuloj.
Oficisto.
Popolo: Flavuloj, Nigruloj, Bluuloj kaj Grizuloj.

**Agado okazas en lando kaj tempo laŭ fabelo.**

**La granda kancelaria antaŭĉambro de la Kanceliero. Fone: grandaj fenestroj kaj benkoj laŭlonge de muro. Dekstre du pordoj kondukantaj al la ĉambro de l' Kanceliero: la plej antaŭa al la persona Kancelario, kie Kanceliero troviĝas. Maldekstre granda ŝtuparo. — La estroj de la Flavuloj kaj Nigruloj diligente interparolas, tamen ne forgesante la plej antaŭan pordon, kiun ili gardas per siaj okuloj.**

Estro de la Flavuloj (vestita per flava fantazia vestaĵo): Vivu kaj vivi permesu — tio estas konstante mia regulo. Mi bezonas multe por mi kaj por la miaj, sed mi bondeziras por aliuloj iliajn porciojn, kaj ne forgesas popolon kaj patrujon. Avide mi subtenos vin je viaj postuloj, se ili miajn ne kontraŭstaros, kaj kiam miaj estos certigitaj.

Estro de la Nigruloj (en fantazia nigra vestaĵo): Miaj postuloj ĉiam estis la plej gravaj, kara amiko. Vi do sin mem konsideras, sed mi klopodas pri la tuta popolo.

Flavulo: Ho, mi povas viajn vortojn inverse apliki kontraŭ vi. Mi kredas, nur tiam, kiam miaj postuloj estos plenumataj, ekvivos la tuta popolo.

Nigrulo: Vi nur pensas pri la korpo, sed mi prizorgas la animon.

Flavulo: Estas bone, do ni devas esti unuiĝintaj. Ni devas nin subteni, iri ambaŭ mano ĉe mano, tiam estos la tuta popolo prizorgata — ĝia korpo, kiel ankaŭ ĝia animo.

Nigrulo: La animo ĉion antaŭeniras.

---

[1]) La redakcio enpresas tiun ĉi komedion, kiel akran satiron kontraŭ la nuna kapitalista sociordo. Kvankam la agado okazas en "fabela lando", nur la figuro de l' kanceliero aspektas fabela, ĉiuj ceteraj ŝajnas esti plene realecaj.

**Flavulo**: Ni neniam komprenos unu la alian. Vi estas terure obstina. Vi deziras esti la sola estro. Mi al vi diras malkaŝe kaj sufiĉe bonhumore: vi neniam sukcesos tion. Fine ankaŭ min vi perdos.

**Nigrulo**: Kio? Vi aŭdaĉas — —

**Flavulo**: Trankviliĝu! Ni flankenvagis de nia celo. Ni returnu al la nuna momento. Do nun ni ambaŭ havas la saman postulon.

**Nigrulo**: Laŭ malsamaj vidpunktoj, kompreneble.

**Flavulo**: Ho, jes, certe. Do vi bezonas la militon nepre tiel same kiel mi. Ĝi koncernas viajn interesojn precize tiom necese kaj grave. La popolo sian ditimecon forgesis kaj la preĝejoj malpleniĝis — — —

**Nigrulo**: Tio estas la plej granda hontaĵo!

**Flavulo**: La milito ilin denove plenigos. Vi nur postulu la militon je la nomo de dio kaj granda pieco. Estas nia dio, kiu sendas nin al milito. Li estas kun ni, kiam ni estas kun li.

**Nigrulo**: Tia estas vera.

**Flavulo**: Kaj li nin subtenos. Li forpelos la malamikon, li detruos lin — per la helpo de nia armeo kaj niaj armiloj. Li al ni la landon de malamiko fordonos kaj ĝiajn idojn devigos esti niaj sklavoj, kaj tie, kie ni havis danĝerajn konkurantojn, ni per dia helpo havos plenumantojn de nia volo. Kaj jen — la popolo plenigos viajn preĝdomojn tage kaj nokte por peti piece la venkon de niaj armiloj, kaj viaj almozteleroj pli kaj pli pleniĝos.

**Nigrulo**: Miaj teleroj! — Kiu parolas iel pri teleroj?

**Flavulo**: Bone — estu: viaj pelvoj — kaj tuj post la milito! pripensu: vi konvertos malamikon por nia religio — kiel tio por vi estos profitiga!

**Nigrulo**: Estos profitiga! vi ĉiam parolas pri profito.

**Flavulo**: Mi volas diri en tiu ĉi mondo kaj en la alia.

**Nigrulo**: La ĉefaĵo estas, mi havos libermanojn por konverti la malamikon. Se ne per bonamikeca vorto, mi tion povos fari per la rajto kaj potenco de la venkonto.

**Flavulo**: Do — ni konsentas.

**Nigrulo**: Mi estas por milito, tutcerte. Mi devas esti por milito. Tiel volas dio. Sed vi — vi, kial vi deziras militon kontraŭ la Turaneo?

**Flavulo**: Mi kredas, ke mi al vi jam klarigis. Mi kredas, ke ĉi tie mi estas la ĉefaĵo.

**Nigrulo**: Vi estas la ĉefaĵo? viaj azenoj, kiujn Turaneo forprenis.

**Flavulo**: Laŭŝajne, la azenoj estu bona kialo por deklari la militon — la militon, je kiu ni profitos.

**Nigrulo**: Dio — dio ĉi tie estas la ĉefaĵo. Kaj dio ankaŭ estas la kaŭzo.

**Flavulo**: Bone, mi tion konfesas. La azenoj estas nur liaj senditoj. Do — manpremu, ni ĉeestos antaŭ la kanceliero, unuiĝintaj, kun unu postulo. Tiam ni havos militon. Vi jam povas prepari viajn preĝojn kaj alvoki sur ni la benojn el ĉielo.

(Kliniĝas antaŭ la Nigrulo.)

**Nigrulo** (benas lin per muta lipmovado kaj okulumo).

**Flavulo**: Kaj nun — jes, ankoraŭ tio: ni devas nin teni firme: ni devas ordoni al la kanceliero. Ni devas — (eksilentas kaj ĉirkaŭrigardas, direkte al ŝtuparo). Jen venas la blua fierulo. (Rapidas al Bluulo.) Milito!

Estro de la Bluuloj (en fantazia blua vestaĵo, kirasita kaj kun glavo): Kio? Ĉu la kanceliero jam decidis?

Flavulo: Ne, de l' kanceliero ankoraŭ nenia vorto. Li estas tie enfermita ĉe si jam dudek kvar horojn. —

Bluulo: Tion mi scias. Do kion signifas via elvoko?

Flavulo: Ke li kaj mi estas por la milito, kiel vi.

Bluulo: Kiel mi? Ha, ha!

Flavulo: Ĉu vi ne estas por milito?

Bluulo: Por milito — jes!

Flavulo: Tio signifas... jes, jes, mi jam scias. Milito estas via profesio, via gajnaĵo, via pano.

Bluulo: P—sa—gajnaĵo, pano, profesio! La komercisto tradukas ĝin laŭ sia lingvo. Kaj baldaŭ ankaŭ mi iĝas komercisto. Milito — gajnaĵo! Milito — profesio! He! Milito — ho tion komercisto ne povas kompreni! Milito estas la plej edifa okupaĵo, la plej nobla arto.

Nigrulo: Ne forgesu soldatojn de dio.

Bluulo: La vorto sekvas la glavon. Kiel do vi efektivigus dian vorton, se glavo ne malfermus por ĝi la vojon? Ho, kia do estus la homaro, se dio ĝin per milito ne favorus? Ĝi, kvazaŭ musoj, plenegigus la mondon, kaj sole la pesto estus savo kontraŭ la plinombreco. Milito ankaŭ kuraĝigas kaj fortigas ĝin kaj stimulas ĝin al grandaj agoj! La milito —

Flavulo: Estu, estu! bone, bone! la ĉefaĵo ke ni estu unuiĝintaj!

Bluulo (malestime): T—ja!

Flavulo: Ni iras mano ĉe mano.

Bluulo (abomene): He!

Flavulo: Ni ĉiuj nun deziras militon. Je nomo de nia popolo kaj patrujo —

Nigrulo: Kaj dio.

Flavulo: Kaj nia dio — certe — memkompreneble — ni staras por tio, ke ni devas deklari militon al la de la dio malbenita Turaneo. Ĝi ekkaptis niajn azenojn...

Nigrulo: Ĝi malkonfesas nian religion.

Flavulo: Ĝi tion grandvalore pagu al-ni!

Bluulo (eltiras la glavon): Tion ĝi devu fari!

Nigrulo: Ho, ĉielo, benu niajn armilojn!

Bluulo: Ni pri tio jam prizorgis. Mia armeo estas granda kaj bone instruita, kaj soifas pri la milito, neretenebla, nebridebla. Antaŭ ol Turaneo forviŝos dormon je siaj okuloj, ĝi kiel nukso kuŝos inter la eroj de mia armeo — krako, kaj krevigita ĝi estos kiel malplena ŝelo! Ho! Milito! ho!

Flavulo: Tiam ni reprenos niajn azenojn centoble!

Nigrulo: Kaj ni al Turaneo malfermos koron kaj orelojn por akcepti dian vorton kaj kompreni dian gracon!

Flavulo: Jen venas Grizulo. Ĉu ni multe kun li babilu? ni al li diru, ke ni decidis militon, kaj tio sufiĉos por li. Kaj se li ne volas —

Nigrulo: Pli bone, ni venu antaŭ kancelieron, la tuta popolo unuiĝinta.

Estro de la Grizuloj (en fantazia griza vestaĵo alvenas humile kliniĝante): Bonan tagon al vi, Sinjoroj!

Flavulo kaj Nigrulo (respondas per oficiala kliniĝo. La Bluulo sin turnas kaj svingas la glavon).

Grizulo: Kion oni diras? Ĉu lia ekscelenco lasis sin aŭdigi?

Flavulo: Vi volas diri, ĉu li ronkas?

Grizulo (ne scias, ĉu li ridu aŭ ne. Li ekridas, sed tuj embarasiĝas): Tio signifas, mi volas diri: kiel situacias milito?

Bluulo (svingante): Milito! Milito!

Flavulo: Milito staras firme.

Nigrulo: Dia Volo.

Grizulo: Jes, jes... dia volo... staras milito firme?... mi pensas... ni pensas...

Bluulo: Vi pensas, ili pensas.

Grizulo (malkuraĝe): He he... mi pensas, la milito estas —

Flavulo: Tre necesa por nia patrujo kaj popolo.

Nigrulo: Kaj por religio.

Grizulo: Tre necesa... he he... tamen ni pensas —

Flavulo: Laŭ ĉiuj vidpunktoj devas la milito esti: laŭ la patrujeca religia, homeca, mora, saneca, komerca kaj — kaj tiel plu. Ni pensas, ne povas esti alia opinio ĉi tie. Se vi kaj la viaj ne samopinias, vi ne bone pripensadis la aferon, ne bone komprenis. Vi certe ĝin vidis laŭ la griza vidpunkto, kaj tiu estas tre mallarĝa kaj miopa kaj — kaj griza. Vi nur dependas de ni. Ni deziras, kaj konstante deziris, la bonfarton de nia tuta lando kaj popolo. Vi reiru al la viaj kaj alportu al ili nian decidon. Diru al ili ke ili restu trankvilaj: La milito estos beno por ĉiuj.

Nigrulo: Je Lia sankta nomo.

Bluulo: Milito — trara! Milito — hura!

Grizulo (gratas la kapon): Ni priparoladis la aferon, ni vidas, ke ni je milito nenion gajnos — —

Bluulo: Gajni! Gajni! per pezo, mezuro kaj monaĉo ĉio devas esti pritraktata. La honoro de niaj armiloj estas la granda gajnaĵo. La bongvidita milito mem estas la plej grava enspezo!

Nigrulo: Ni la venkitan Turaneon al nia religio gajnos — tio estas el ĉiuj gajnaĵoj la plej granda.

Flavulo: Turaneo ne devas pligrandiĝi, plifortiĝi: ĝia malfortiĝo estas por ni ĉiuj kolosa gajnaĵo.

Grizulo: He-he, ja, sed...

Ĉiuj tri (senpacience): Sed!.. Sed!.. Sed!..

Grizulo (tre konsternita): Ni kredas, ke ni pro milito multe perdos.

Flavulo: Ne vere! vi kredas neeblecaĵon.

Nigrulo: Vi nur kredu Dion kaj Lian gracecon.

Flavulo: Kion vi perdos ĉiafere? Vi restas ĉe viaj kampoj.

Grizulo: Vi nur pripensu...

Flavulo: Ni ĉion jam pripensis. Ni pensis por vi same bone, kiel por ni. Vi devas nur altigi vin ĝis pli vasta vidpunkto. Vi devas ĉirkaŭrigardi pli larĝan horizonton.

Nigrulo: Vi devas konfesi dian volon.

Flavulo: La milito estas neceseco, de dio surmetita je ni, kiel vi ĵus nun aŭdis de nia direprezentanto. Vi havigu por vi per li dian benon —

Nigrulo (faras mutan lipmovadon kaj okulumas).

Flavulo: ...kaj iru al viauloj kaj diru al ili, ke ili malbone vidis la aferon; (al la du aliaj) kaj mi kredas, ni ĉiuj malsupreniru al la atendanta popolo por sciigi ĝin ke estas unuiĝinta la estrularo en sia militdecido. Tio ĝin jam plie al milito ekkuraĝigos. Eble tio la kancelieron iom plirapidigos en lia meditado.

Nigrulo: Tio estas bona plano.

Grizulo: Mi tre dankus vin, se mi povus antaŭe kun miauloj interparoli.

Bluulo: Mi iras miaulojn iom militekzerci.

Flavulo: Do ni iru! (Per rigardo al la kanceliera kabineto): De tie oni nenion aŭdas, do la strato sin aŭdigu.

(Ĉiuj foriras. La grizulo sekvas malantaŭe. Momente la ĉambro restas malplena. Baldaŭ suprenrapidas la edzino de l' Kanceliero, densvualita, alkuras pordon kaj ekfrapetas.)

Oficisto (montriĝas ĉe la pordo): Via deziro?

Edzino: Mi deziras vidi la kancelieron.

Oficisto: Neeble.

(Penas malfermi la pordon.)

Edzino (rapide): Diru, lia edzino atendas lin ĉi tie.

Oficisto: Ho, pardonu!

(Malaperas).

Edzino (malkovras vualon kaj ekrigardas la pordon kun ĝoja atendo).

Kanceliero (eliras): Karulino, ci estas tie ĉi?!

Edzino (ĉirkaŭprenante lin): Ho, mi tion ne povis elporti, tuttagon ne vidi unu la alian!

Kanceliero: La afero estas tre grava. Ĝi ne povas esti prokrastata, kaj mi ĝin volas rapide finfari, kiel fidela popolservisto.

Edzino: Do tiele min forlasi? por momento fortiriĝi kaj al mi alkuri? Ĉu tia estas nia mielmonato?

Kanceliero: Karulino, ci devas min pardoni. Mi faras, kion mi devas fari. Jam nun mi devas cin tuj forsendi. Dank' pro cia veno. Ci alportis al mi feliĉan distraĵon, nun mi fortigite reiros al mia laboro. Mia kar — —

Edzino: Ci do ne forsendos min. Kaj se ci tion farus, mi cin ne obeus kaj firmetenados min ĉe ci. Ho, tagdaŭre cin ne vidi kaj ne aŭdi!

Kanceliero: Ĉu mi tion ne sentis? ĉu tio min ne kortuŝis?

Edzino: Ne, ci tute min forgesis. Ci estas tute enprofundiĝinta en cia fideleco al popolo kaj lando, kaj cia juna edzino ne plu ekzistas por ci.

Kanceliero: Tion ci ne diru, kaj ci mem tion do ne kredas.

Edzino: Do, mi jam forte kredas tion. Cia devo estas ĉe ci pli granda ol cia amo.

Kanceliero: Tiamaniere ci povas diri: mia dormo estas ĉe mi pli granda. Nokton post nokto mi foriras de ci al la malproksima dormlando —

Edzino: Do en miaj brakoj, kun mi ĉe cia flanko! Kaj ofte mi maldormas super ci, kiam ne povas ekdormi mi mem. Mi ĝuas en malheleco ciajn vizaĝliniojn, kaj ekvidas — ci ridetas dolĉe, kaj scias, ke ci en sonĝo al mi ridetis, kaj fine mi mem ekdormas tiel feliĉe — ho tutnoktojn mi okulojn ne fermis kaj ĝenis pro maltrankvilaj sentoj.

Kanceliero: Mia kompatulino! do lasu: tuj estas mia malfacila tasko solvita, mi alvenos ĉe cin kvazaŭ per aglaj flugiloj portita, kaj kion ni hodiaŭ perdis, ni dekoble rekompencos al ni. Iru nun, kara — .

Edzino: Ne, ankoraŭ ni ne foriras. Mi ankoraŭ volas sidi ĉe ci. Kunprenu min en cian kabineton —

Kanceliero: Tute neeble. Miaj sekretarioj troe laboras. Kaj krom tio ankaŭ ili siajn hejmojn ne vizitis dum la tuta dudekkvarhoro.

Edzino: Kaj iliaj edzinoj ne estas —

Kanceliero: Permesataj tien ĉi veni. Kaj kio ne estas permesata al miaj sekretarioj, ankaŭ por mi mi ne permesos.

Edzino: Sed, do mi venis! Venu kaj sidiĝu kun mi — tien, sur la benkon. Mi volas sidi proksime apud ci, senti cin, sate rigardadi cin —

(Tiras lin al la benko.)

Kanceliero: Nur malproksimen de la fenestro, por ke oni nin de ekstere ne vidu, — alie mi havos ilin denove ĉe mia kolo (elrigardas kaŝe je la fenestro). Kia popolamaso! La tuta popolo kolektiĝis sur la placo. Kaj senpacienca ĝi estas kaj ankoraŭ pli malpacienciĝas. Estas malbone sidi trankvile kun ci.

Edzino (nestiĝante al li): Venu, venu! Ho, ne estas tiom terure. La peco da tempo, kiun mi volas forrabi de la popolaferoj, la popolo povas al mi pardoni. — Kaj pro kio ĝi estu pli multemerita ol mi? Dudek kvar horojn! — Kaj plue: ĝi la tutan homon de mi forprenis. Ci sidas nun ĉe mi — mi povas tion diri, kvazaŭ sur pingloj. Ci rigardas, sed min ne vidas, ci aŭdas min paroli, sed ciaj pensoj estas tie — apud ciaj sekretarioj.

Kanceliero (ekstaras kaj ree elrigardas fenestron): Kiel ĝi tiriĝas kaj moviĝas! Kia senpacienco! ĝi estas al milito instigita kaj ankoraŭ incitiĝas pli kaj pli, mi ne scias pro kio. Milito! milito! — ĝi kriegas. Blindigita, misgvidita de rabistoj, kiuj deziras riĉiĝi kaj pli riĉigi sin. Milito! milito! murdo kaj rabado estas tio! Kiel mi malamegas ĉiun militon, ĝi estas la plej hontinda krimego. Oni volas per milito ion gajni, ekriĉiĝi. Forpreni al si tion, kio al aliulo apartenas. Tion dezir-egas ankaŭ rabistaro, kiu atakas la civitanojn en la urbo kaj la trankviltirantajn karavanojn en la dezerto. Kaj se la rabkrimuloj, antaŭe estis mortkondamnataj, kial do ankaŭ ne la ŝtato kiu militeliras pro rabado? Murdo estas murdo, kaj ĉu mi estu murdisto? Ĉu mi servu rabadcelojn?

Edzino: Ho, karulo ĉu ci ne povas ĉion ĉi forgesi kaj entute aparteni al mi — por momento, por la plej eta ero da momento?

(Nestiĝas al li.)

Kanceliero (kvazaŭ vekiĝante ĉirkaŭprenas ŝin): Por momento forgesi — aparteni al ci — al ci! (Kisas ŝin forte kaj longe): Nun mi estis tute cia. Nun — mi (kisas ŝin denove) estis plene cia. — Kaj nun iru. Mi scias ke estas malfacile al mi cin forsendi. (Altiras ŝin al si.) Ho, karulino, karulino! (metas sian kapon ĉe la ŝian kaj restas momente pensprofundiĝinta). Nun mi scias kion mi faru!

Edzino: Scias kion?

Kanceliero: Kaj tute firmdecide.

Edzino (nestiĝante al li, kokete): ĉu? Kio ĝi estas? Ĉu mi tion povas scii?

Kanceliero: Milito ne estos!

Edzino (malkontente): Ho, mi pensis, ke ci volas diri al mi pri cia amo.

Kanceliero: Kaj mi al ci la plej grandan amon deklaris. Ĉar mi cin tiom amas, tial milito ne estos. Kiel mi povus nun foriri de cia ĉirkaŭpremo, kun cia varma kiso sur miaj lipoj, mem amplenigita, kiel la maro super siaj bordoj, kaj skribi mian nomon sub militdekreto kaj elsendi la idojn de mia popolo al sang-agadoj kaj malamikeco? Ne! ne! — Ha, jen venas jam la estroj. Foriru nun. Baldaŭ mi revenos al ci. Venu, mi akompanos cin malsupren.

Edzino (mallevas la vualon. — Ili malsupreniras la ŝtuparon).

La kvar estroj (supreniras).

Flavulo: Ĉu vi vidis?

Nigrulo: Kun sia edzino.

Flavulo: Kun virino. Por ŝi li havas tempon, por ni li estas fermita. Mi opinias, nun ni demandu ĉe li la rezulton. Ni ĉiuj estas unuiĝintaj, la popolo estas senpacienca, li tuj decidu, ne plu pripensadu.

Nigrulo: Ni ne plu volas atendi!

Bluulo: Ne! ni ne atendu!

Grizulo: Se, ja milito, ĝi do ekestu pli rapide.

Kanceliero (supreniras).

Lakvar (kliniĝas antaŭ li).

Kanceliero (respondas per kliniĝo kaj antaŭeniras kabineton).

Flavulo kaj Nigrulo: Ekscelenco!

Kanceliero: Miaj Sinjoroj?

Flavulo: Ni volas scii kio estos.

Nigrulo: Kie ni staras.

Bluulo: Milito!

Grizulo: Tiel aŭ aliel, nur estu decido.

Kanceliero: Vi ĉiuj parolis, kiun mi respondu?

Flavulo: Ni ĉiuj diris la samon.

Kanceliero: La grizulo volas tiel aŭ aliel —

Flavulo: Do vi scias ke li ne parolas precize kaj klare. Li estas kun ni unuiĝinta.

Kanceliero: Kaj vi ĉiuj volas?

Flavulo: Militon!

Nigrulo: La sanktan militon!

Bluulo: Militon!

Grizulo: He, he! militon! he, he!

Kanceliero (al Grizulo): Ankaŭ vi — militon!

Grizulo: Turaneo militas kontraŭ Trikeo — ni sendas varon al Trikeo — Turaneo forprenas niajn azenojn.

Kanceliero: Nu?

G r i z u l o : Do milito — he, he!

F l a v u l o : Ni decidis, ke mi estu la proparolanto.

K a n c e l i e r o : Ĉu al mi ne estas permesata interparoli kun kiu mi deziras? Sed ne gravas. Do vi volas militon?

F l a v u l o : Tutcerte. Se ni ne jam komprenigis al vi nian vidpunkton, kiu estas la vidpunkto de la popolo, mi tion faros nun.

K a n c e l i e r o : Ne necesas.

F l a v u l o : Mi mallongigos.

K a n c e l i e r o : La varo, kiun vi sendis al Trikareo estis pagita?

F l a v u l o : Pri la varo ni ne parolas. Sed Turaneo aŭdacis forpreni niajn azenojn kiuj portis la varon —

K a n c e l i e r o : Kaj tial militon?

F l a v u l o : Ne pro tio, sed tio estu kaŭzo.

K a n c e l i e r o : Ho, mi scias, mi scias! Turaneo tro fortiĝas, oni devas detranĉi ĝiajn flugilojn!

N i g r u l o : Ĝi devas esti konvertata al nia religio.

B l u u l o : Pro kio do ni posedas armeon?

G r i z u l o : Estu milito kaj finite.

F l a v u l o : Ekscelenco, la popolo estas malpacienca.

K a n c e l i e r o : Vi ĝin malpaciencigis.

F l a v u l o : Ni volas scii vian decidon.

K a n c e l i e r o : Vi do jam por mi decidis.

F l a v u l o : Ĉu vi konsentas?

K a n c e l i e r o : Mi tion skribe sciigos al vi. Necesas ke ĉio estu laŭ ordo kaj regule farata.

F l a v u l o : Kial tia ludado?

K a n c e l i e r o (severe): Ludado?

F l a v u l o : Vi do jam aprobis vian decidon — tion mi klare vidas.

K a n c e l i e r o : Bone, mi al vi ĝin diru. (Ekrigardas ilin akre kaj penetre kaj longe silentadas, kvazaŭ turmentante ilian necertecon. Tiam li trankvile elparolas.) Milito ne estos.

F l a v u l o : Ne milito!

N i g r u l o : Ne estos?!

B l u u l o : Kio?!

G r i z u l o : He, he!

F l a v u l o : La tuta popolo deziras militon —

K a n c e l i e r o : Vi ĝin krime al milito instigis.

F l a v u l o : La tuta popolo deziras militon, kaj vi ne kontraŭstaros la popolon.

(Finota.)



# EL LA HISTORIO DE LA LINGVO INTERNACIA

## Pioniroj de la lingvo artefarita en Rusio (ĝis 1887).

*E. DREZEN*

La unua projekto de la lingvo artefarita, kiu naskiĝis en Rusio — apartenis al konata lingvisto, profesoro de Peterburga Universitato — Wolke. Lia libro, koncernanta tiun temon estis presita germanlingve en 1797 en Dessau. Titolo de la libro estis jena "Wolke — Erklärung, wie die wechselseitige Gedanken-Mittheilung allen Völkern des Erdkreises oder die Pasigraphie möglich und ausüblich sei, ohne Erlernung irgend einer neuen besonderen oder einer allgemeinen Wort- oder Zeichensprache" (Klarigo kiel la reciproka pensinterkomunikado de ĉiuj popoloj de la terglobo aŭ la pazigrafio estas ebla kaj efektivigebla, sen ia lernado de nova aparta aŭ ĝenerala parola aŭ signa lingvo). Wolke sendube konis la laborojn de Johann Joachim Becher, kiu en Frankfurt 1661 publikigis latinlingve sian projekton de universala lingvo, laŭ kiu necesis numerigi ĉiujn vortojn de la vortaro tiamaniere, ke por esprimi ĉiujn konceptojn necesis 10 238 nombroj. Becher eĉ supozis ke estas tute eble limigi en ĉiuj lingvoj la nombron de la fundamentaj ideoj tiamaniere, ke ĝi ne superu 10 000. Kiamaniere efektivigi tiun limigon, eĉ por tio li havis specialajn proponojn.

Je la tempo de Wolke evidentiĝis, ke la nombron de fundamentaj ideoj limigi ne estas eble, ke tiu nombro kreskas samtempe kaj paralele kun la kresko de la homa kulturo. Pro tiuj konsideroj Wolke forlasis tiun limigideon. Wolke proponis, ke ĉiu lingvo havu specialan vortaron, enhavantan ĉiujn vortojn kaj vortradikojn kun ĉiuj derivaĵoj kaj formoj gramatikaj. Por la interrilato kun alinacianoj, necesis anstataŭ la vortoj noti la paĝon kaj numeron, sub kiu troviĝas la vorto necesa en la nacia vortaro de la legonto. Ĉiu deziranta tralegi la leteron estus devinta serĉi en vortaro de sia lingvo paĝon kaj numeron — korespondajn al la vorto skribita. Sed ne estis eble en diverslingvaj vortaroj lokigi la samajn vortojn kaj esprimojn sur la samaj paĝoj. Tial necesis en ĉiu vortaro havi notojn pri la paĝoj kaj numeroj, korespondantaj al la samaj vortoj en vortaroj alilingvaj.

Rezulte — se la vortaroj estus preparitaj nur por 16 nacioj — ĉiu gramatika formo devus esti akompanata per 130 indeksaj ciferoj kaj literoj.

La lasto estis ne efektivigebla, kaj tial, malgraŭ la tuta simpatio de kelkaj rusiaj akademianoj, praktikan realigon la projekto de Wolke ne ricevis.

Pazigrafia sistemo de Wolke — mortis simile al ĉiuj aliaj sistemoj de universala skribo. En Rusio tiu projekto tute forgesiĝis. En Moskva publika Lenin-biblioteko (antaŭe Rumjancova) eĉ forestas la libro de Wolke.

Dum la epoko de Arakĉejev kaj Nikolao I kultura vivo en Rusio preskaŭ estingiĝis. Dum daŭro de plena jarcento en rusa literaturo kaj en historio de la rusia kulturevoluo — ni trovas nek aludon nek unu penson pri universala tutmonda lingvo.

Malfortan aludon tiudirektan ni trovas nur en artikolo Nikolaj Sazontoviĉ Iljin: "Obŝĉaja azbuka v prirodé ĉeloveka" (Komuna alfabeto en la naturo de la homo) en la revuo "Majak" (Lumturo), libro 11, junio 1842. La aŭtoro ellaboradis projekton de universala alfabeto, kiu devis servi por ĉiuj sonoj de ĉiuj lingvoj, sed li eĉ ne proponis iun specialan alfabetsistemon, kontentiĝante per la ebla uzo de tri paralelaj alfabetoj: rusa, germana kaj franca. Rezulte, la kondiĉaj signoj por originaj kaj simplaj sonoj" estas laŭ la sistemo de Iljin montrataj jen per unu, jen per du literoj (ekz.: en germana — jo, ju, ja; en franca — ou, eu, io, iu).

Iljin havis antaŭ si tre modestan taskon: "forigi la opinion ke en nia lertefleksebla kaj multnuanca rusa lingvo oni neniel povas ĝuste skribi multajn vortojn de la alilandaj dialektoj".

Sed eĉ tia modesta pretendo kaj tia modesta penso ŝajnis siatempe tro kuraĝa, preskaŭ ribela. Kaj speciale ĝi ŝajnis ribela kiam ĝin esprimis Iljin, fondinto de tre radikala sekto "Ciona mesaĝo", kiu propagandis originalan komunismon.

En siaj poeziinspiraj profetaĵoj pri venonta epoko de libera egaleco kaj amo Iljin forte atakis "diboĉulojn", "ŝtelistojn", "ruzulojn", "teologi-friponojn" de sia tempo. Evidente al tiuj "friponoj de teologio" la doktrinoj de Iljin ne estis agrablaj. Iljin estis enkarcerigita en Soloveckij Monaĥejo. La sekto mem estis severe persekutata.

Analizante la agadon de Iljin, A. G. Viŝnjakov en sia artikolo "Ciona mesaĝo" ("Ortodoksa Revuo", 1867, vol. XXIII), diskonigis la famon, ke Iljin intencis krei lingvon universalan. Kvankam certaj pruvoj por tiu aserto mankis — tamen oni povas supozi, ke la ideoj de Iljin pri "universala frateco" povis kaŭzi aperon de samtendencaj ideoj pri universala lingvo.

Ĉiuokaze ankaŭ aliaj historiistoj de la sektismo (rigardu la artikolon "Ciona mesaĝo" en la Enciklopedia Vortaro de Brockhaus kaj Efron, vol. 59, p. 153) subtenadis tiun aserton de A. Viŝnjakov kaj ĝin akceptadis sendiskute.

* * *

Tute okaza, sed tre valora por la historio de la mondlingvo estas skizo de la programo de Universala lingvo, kiun donis rusa diplomato kaj sciencisto Jakob Grimm.

La ideoj de Jakob Grimm estas konataj al ni ne laŭ liaj eldonaĵoj, kiuj ne estis aperigataj, sed nur laŭ unu letero, datita 1860 kaj skribita en Konstantinoplo. Tiu letero ekzakte estis presita en libroj: "Eichhorn — Die Weltsprache" (La Mondlingvo), Bamberg 1887, kaj "Hans Moser — Grundriß einer Geschichte der Weltsprache" (Skizo de historio de la mondlingvo), Heusers Verlag, Berlin 1888.

Speciala valoro de ideoj de J. Grimm, kiuj restis nekonataj al la plejmulto de liaj samtempuloj, konsistas en tre klara fiksado de la principoj, kiujn oni devas obei ĉe konstruado de artefarita lingvo universala. Sed Grimm ne akiris la komprenon de venonta universala lingvo à posteriori. Li konjektas necesa lingvon de miks-sistemo, kiu similus al la lingvoj naturaj, kiu estus konstruita sur la bazo latina, sed kiu posedus samtempe racian vortaron kaj gramatikon.

Ĉiuokaze la ideoj de J. Grimm siatempe ne trovis praktikan aplikon kaj realigon.

* * *

En Moskvo dum 1880 eldonisto Gusjatnikov aperigis libron: "Vsemirnonaučnyj jazyk, vozmoĵnosti i metod jego sozdanija. Issledovanie M. N. Gl-skogo". (Tutmonda scienca lingvo, ebleco kaj metodo de ĝia konstruo. Esploro de M. N. Gl-skij.) 80 pĝ., pr. 80 k. La aŭtoro Matvej Nikanorovič Glubokovskij plenrajte povas esti nomata la unua rusa laboranto en la kampo de la lingvo-konstruo. Wolke kaj Grimm estis ja ambaŭ laŭ devene germanoj. Al Glubokovskij evidente estis nekonataj la samcelaj esploroj kaj laboroj alilandaj. Almenaŭ lia verko entenas nek unu noton tiurilatan.

La aŭtoro subtenas ideon pri kombinita sistemo de filozofia pezigrafio kaj filozofia pazilalio (buŝlingvo). Lia projekto posedas ĉiujn difektojn de sistemoj similaj, sed rimarkinda estas la ekskluzive klara preskaŭ marksista lingvokoncepto de la aŭtoro:

"La nuntempaj lingvoj esprimas la mondkoncepton de niaj pranepoj kaj tial ili donas al ni konceptojn malnoviĝintajn, malĝustajn kaj iufoje eĉ absurdajn."

"La lingvo, produkto de originala *mimetismo*, posedas kapablon adaptiĝi al diversaj kondiĉoj kaj restigi sur si postesignojn de tiuj ĉi kondiĉoj".

M. N. Glubokovskij ne opiniis ke li sola povus ellabori la tutan sistemon de la lingvo. Li skribas: "La vojo, proponata de mi por atingi tiun ĉi celon, estas kolektiva laboro de pensuloj kaj scienculoj, unuvorte de ĉiuj antaŭemaj homoj de la nuna tempo."

Rilate al la konstruo de sia lingvosistemo Glubokovskij en sia verko nur starigis kelkajn principojn klasifikajn kaj ilustris tiujn principojn per ne plena klasifikado de kelkaj specoj zoologiaj kaj botanikaj.

Li proponis diversajn kategoriojn kaj specojn de la mondo zoologia — marki tiamaniere:

$A$ = vertebruloj, $B$ = senvertebruloj.

$A^1$ = klaso de mambestoj, $A^2$ = klaso de birdoj; $A^3$ = klaso de amfibioj, ktp.

$A_1^2$ = aerobirdoj; $A_2^2$ = terbirdoj; $A_3^2$ = akvobirdoj, ktp.

Samtempe li skizas, kiamaniere oni povas konstrui la substantivojn verbajn. Ekzemple, se la cifero 1 antaŭ la litero signifas movadon, kaj la cifero 2 sonelpuŝon, tiam 1 $A^2$ signifos "flugado"; 2 $A_1^2\ {}^2/_0$ = "grakado" (laŭ $A_1^2\ {}^2/_0$ = korvo).

Simila filozofia pazigrafio povas esti transformigita en lingvo parola per anstataŭo de la signoj pazigrafiaj per literoj ordinaraj.

Ekzemple: $A$ = a (vertebrulo), $A^2$ = am (birdo), $A^4$ = an (fiŝo), $A_1^4\ {}^2/_2$ = arjamjag (unua subspeco de la orfiŝeto) ktp.

Pli detale tiu projekto ne estis ellaborita, kaj tio jam ne estis necesa. En la jaro 1879 en Germanio aperis nova lingvo Volapük, kiu baldaŭ fariĝis la unua praktika sistemo de la artefarita lingvo.

* * *

Al la sama epoko, kiel la verko de Glubokovskij, apartenas ankaŭ alia rusa projekto de ideografio. La aŭtoro de tiu lasta — Stepan Ivanovič Baranovskij, verkisto kaj inventisto, estinta (1842—1863) profesoro de la rusa lingvo en Helsingforsa Universitato, iniciatinto de la "abstinenta movado" en Finlando — prezentis siajn ideojn jam en 1853 en la sveda gazeto "Finlands Allmänna Tidning". Sed nur en la jaro 1884 la sesdeksepjara aŭtoro publikigis ilin ruslingve en broŝuro: "Ideografija. Obŝĉij jazyk dlâ vséĥ narodov mira, predlagajet Stepan Baranovskij." (Ideografio. Komuna lingvo

por ĉiuj popoloj de la mondo, proponas Stefano Baranovskij.) Ĥarkov 1884, paĝ. 28. Samtempe la sama eldono aperis ankaŭ en la lingvo franca. La aŭtoro provis "inviti ĉiujn dezirantojn partopreni en la laboro, necesa por la bono de la tuta homaro".

Tiucele dum aŭgusto 1884 Baranovskij eĉ partoprenis la 1-an Kongreson Volapükistan en Friedrichshafen (Württemberg).

La projekto de Baranovskij estis sufiĉe komplika. 40 ĉefaj signoj, konsistantaj el du linioj diversmetitaj kaj el diversa dikeco povis esti kombinataj po 6 signoj diversaj. La tuta nombro de tiamaniere ricevataj kombinaĵoj povis doni entute $40^6 = 4\,096\,000\,000$ ideesprimojn.

La samaj signoj metataj post la ses komencaj radik-signoj (en konstanta nombro — tri) esprimadis diversajn ideojn gramatikajn, derivajn ktp.

Por prepari la vortarojn de nova lingvo estis necesa partopreno de specialistoj diversspecaj, kiuj solaj estus povintaj starigi sciencan klasifikadon de la fundamentaj ideoj (komencaj 6 radik-signoj). Aliaj specaj specialistoj estis bezonataj por ellabori la ideografajn esprimojn de la gramatikaj konceptoj (finalaj 3 signoj).

Anstataŭante la signojn ideografiajn per diversaj literkombinoj, — oni estus povintaj krei lingvon parolan. Baranovskij. Sed tiurilate Baranovskij en sia projekto donas nenion krom transskribo de kelkaj nombroj, ekzemple: 196 000 000 000 — muzuvu; 2 030 505 800 — nurilibelebedalala ktp. Pluan detaligon tiu projekto ne ricevis. Plejmulto el la adeptoj de lingvo universala preferis ne ellaboradi iun novan lingvo-sistemon, sed partopreni kaj aktive kunhelpi al la reale ekzistanta Volapük.

* * *

Tamen pli grandan influon sur la movado porinternacilingva lasis en Rusio ne tiuj izolitaj ŝercantoj, sed la movado porvolapüka. La lingvo de Schleyer penetris en Rusion jam baldaŭ post sia ekapero en la jaro 1880 kaj ĉe la momento, kiam aperis Esperanto, en la jaro 1887 Volapük havis jam sufiĉe ŝatindan nombron da adeptoj.

Interesajn faktojn tiurilate komunikas al ni la libro de Rupert Kniele — "Das erste Jahrzehnt der Weltsprache-Bewegung Volapük" (La unua jardeko de la mondlingva movado Volapük), Ueberlingen 1889, paĝ. 126.

Dum la unuaj jaroj de sia ekzistado Volapük trovis akcepton ĉefe inter la germanoj. La unuaj lernolibroj kaj vortaroj volapükaj ankaŭ estis germanlingvaj. Kaj per helpo de germanoj rusiaj Volapük venis Rusion. Jam en la jaro 1882 en Riga gazeto "Rigaer Tageblatt" aperis artikolo rekomendanta novan lingvon. Dum la jaroj 1884 kaj 1885 Schleyer notas ke liaj lernolibroj estis menditaj por Odessa, Riga kaj Tiflis.

La 14-an de novembro 1885 en la gazeto "Novoje Vremja" (Nova Tempo) aperis propaganda artikolo de Iv. Ĥolin; kaj je komenco de 1886 en Peterburgo eldonisto A. S. Suvorin publikigis la unuan ruslingvan lernolibron "Volapük — Vsemirnyl jazk ŝlejera. Izloĵenie voprosa. Grammatika s priloĵeniem slovarja. Sostavil Iv. Ĥolin". (Volapük — Tutmonda lingvo de Schleyer. Prezento de la problemo. Gramatiko kun aldono de vortaro. Kompilis Iv. Ĥolin.)

La saman 1886 jaron en Moskvo la eldonejo R. Wilde aperigis vortaron kaj mallongan gramatikon, verkitajn de E. Bieck. Dum la jaro 1887 kaj la sekvintaj aperis nombro de aliaj lerniloj, eldonitaj en Moskvo, Odeso kaj Peterburgo.

La 15-an de februaro 1886 en Moskvo okazis granda propaganda parolado de E. Bieck, kiun ĉeestis ĉirkaŭ 600 personoj. En Peterburgo energian propagandon gvidis inĝ. V. K. Rozenberger. Dum 1887 en Moskvo estis fondita kaj leĝe registrita la unua kaj sola en Rusio volapükista societo. Krome ekzistis nur du societoj en Finlando: en Raumo kaj Kuopio. La listo de rusaj volapükistoj por 1887 jaro enhavis 186 adresojn. La movado kreskis kaj nur pli malfrue ĝi estis malhelpita per la fundamentaj difektoj de Volapük kaj per apero de pli perfekta Esperanto.

Kiel malfacile estis labori en Rusio al la unuaj pioniroj de Volapükmovado, tion bone atestas jena citaĵo el la supre nomita libro de R. Kniele:

"Konsiderinda nombro da volapükaj libroj kaj lerniloj venantaj per poŝto el eksterlando, altiris la atenton de rusa polico kaj vekis ĝian suspekton, ke tiu literaturo povas esti uzata por propagando de ideoj revoluciaj. La lasto servis kiel kaŭzo por ĝeni ĉiamaniere la disvastigon de Volapük. Por mendi gazetojn el eksterlando — necesis prezenti al la administracio specialajn petskribojn, kaj por tiuj petskriboj estis starigita imposto de 1 rublo 60 kopekoj. Sed la nombro de la petantoj pri permeso estis tiom granda, ke ŝajnis tute neeble doni la necesajn permesojn al ĉiuj dezirantoj. Propono de inĝ. Rozenberger resumi la enhavon de volapükaj presaĵoj ne trovis atenton ĉe la Ĉefa Cenzura Komitato, kaj tiu lasta komisiis al speciala cenzuristo Sankov ellerni la novan lingvon. Sed eĉ post tiam, la eldonaĵoj volapükaj oftege estis resendataj eksterlanden kun poŝta noto 'rifuzitaj' —".

* * *

Por tute elĉerpi la temon de tiu artikolo, necesas citi ankoraŭ publikan elpaŝon de profesoro de Novorusia Universitato Vikentij, Gavriloviĉ Ŝercl, kiu dum marto 1886 en sia universitato faris du prelegojn pri la temo "Tutmonda lingvo kaj gestado". En 1887 sub la sama titolo en Moskvo aperis speciala broŝuro (eld. de E. N. Tiĥomirova, paĝ. 82, prezo 30 kop.).

Post sufiĉe detala resumo de la esenco de Volapük kaj post ĝia kritiko, Ŝercl faras konkludon, ke sola lingvo, kiu povas fariĝi tutmonda, — estas lingvo de gestoj kaj de vortoj interjekciaj kaj sonimitantaj. Malgraŭ tio, rilate al la ebla gesta lingvo, li donas nenian sistemon kaj neniujn proponojn konkretajn. Li kontentiĝas per ĝenerala skizo de la gest-metodoj. Rilate al la vortoj sonimitantaj — la tuta esenco de lia argumentado koncentriĝas en unu demando: Kiu ne komprenos similajn frazojn: mama ĥam-ĥam (patrino manĝas), ni-ni ĥi-ĥi (infano ridas), ta-ta bom-bom ĥaŭ-ĥaŭ (patro batas hundon), miaŭ ĥap pi-pi (kato kaptis birdeton)." Malgraŭ la tuta unuavida komprenebleco (?!) de similaj frazoj, konstrui sur ilia bazo lingvon universalan ne estis eble, — aŭ por tio unue estis necese, ke la tuta homaro revenu infanecan periodon.

* * *

Jena estas la mallonga historio de la movado por Universala lingvo en Rusio — antaŭ la apero de Esperanto.

Kaj poste — ĝis 1905 kaj 1917 la agentoj de cara registaro havis novajn zorgojn observi kaj kontroli la malicajn adeptojn de Esperanto, kiuj faris laboron nekompreneblan por la stultaj altranguloj de la reĝimo.



# LA DALTIN'A PLANO EN BRITIO

*MARK STARR*

Tiu ĉi plano nun aplikiĝas en preskaŭ ĉiu lando. En Aŭstralio ĝi havas adeptojn. Fraŭlino Parkhurst (Parkherst), la komencintino, publike lekciis pri la afero en Japanio kaj Ĉinio. Miloj da lernejoj en Sovetio uzas ĝin kaj eĉ en Hindio progresas eksperimentoj. Tial resumo de ĝiaj ĉefaj punktoj tre taŭgas.



En Britio la ĉefpropagandisto estas S-ro A. J. Lynch (Linĉ) (kies foton pruntis al ni la "Labour Magazine"). Dum pli ol tri jaroj, en lernejo ĉe Wood Green, Tottenham en Londono, kiun ĉeestis knaboj el laboristaj hejmoj, li uzas la planon. El liaj du verkoj "Individual Work and the Daltin Plan" (Individua Laboro kaj la Daltin'a Plano) — eldonita unue en j. 1924, kaj "Rise and Progress of the Daltin Plan" (Komenco kaj Progreso de la Daltin'a Plano) — 1926 — oni povas kapti la ĉefajn karakterojn de la propono. Krom al la specialisto, ĝi interesas al ĉiu.

La nomo devenis de la lernejo ĉe Daltin, proksima al Nov Yorko, kie en j. 1920 fraŭlino Parkhurst komencis eksperimenti kun ideo konceptita en j. 1911. En Britio ĉe Streatham (Strethem), Clapton (Klapton), Tottenham (Totenham), Kingston (Kingston) en la sekvanta jaro ankaŭ estis provoj

kiuj pruvis la utilecon de la ideo kaj la apliko konstante kreskas. La ĉefa principo baziĝas en la neceso de individua studo kaj pritrakto de ĉiu lernanto. La instruisto estu la ĉasito ne la ĉasanto. Li ne prediku al silentaj infanoj. Ne kriu ordonojn kiel en kazerno. Ne dresu pasivajn kvietajn infan-bestojn por la ekzamen-cirko. Anstataŭe permesu ĉiun infanon studi laŭplaĉe kaj laŭinterese en laboratorio; la lernanto mem elserĉu la faktojn kaj kutimiĝu al uzo de libroj. Kompreneble la instruisto ĉiam pretas respondi demandojn kaj konsili en solvo de problemoj.

Kompreneble tiu propono radike ŝanĝas la lernejon. Jen la lecionaranĝo en la lernejo de S-ro Lynch. En tiu lernejo estas 450 knaboj el kiu proksimume 250 laboras laŭ la Plano. Nur knaboj atingintaj la aĝon de 10 jaroj tiel lernas; la aliaj iris en la malnovajn klasĉambrojn. En la mateno la lernejanoj entute kunvenis kaj poste disiĝas al la diversaj ĉambroj — la junaj en la klaso laŭ kapableco (angle "standard"); la dekjaruloj kaj pli aĝaj laŭ aĝo (angle "form"). Post registro kaj Biblia leciono[1]) en la malnova maniero la lastaj povas decidi kiun temon ili volas studi kaj disiĝas al la taŭga ĉambro por unu horo de "libera" studo. Ekzemple, la studanto iras laŭ sia propra elekto al la geografia ĉambro. De la specialist-instruisto kiu prizorgas tiun ĉambron li ricevis asignon de laboro aŭ presitan aŭ skribitan. Ofte la asignoj kuŝas en loko kie la knabo mem povas preni. Poste per la libroj, landkartoj, bildoj kaj tiel plu li studas sole kaj plenumas la taskon. En la ĉambro aliaj knaboj laboras same kaj ili povas helpi unu la alian aŭ peti informon de la instruisto kiu ne plu estas armea serĝento sed amiko. Se iu knabo volas, li povas iri al la historia ĉambro aŭ lingva-literatura ĉambro. Kiam li finas la asignon, li donas ĝin al la instruisto kiu markas ĝin kaj datumas kaj notis ĝin en kroniko pri progreso de stutanto.

Post tiu ĉi horo estas intertempo por ludo dum 10 minutoj. Tiam dum 20 minutoj estas lecionoj en la ortodoksa maniero en kantadoj, mensa aritmetiko, aŭ fizikekzercado. Sekvas alia horo de "libera" studo en la temĉambroj.

Postagmeze post registro en la kvin grupoj laŭ aĝaj (formo), la kvin specialinstruistoj pritraktas dum unu horo sian fakon sed ili ne longe parolas kaj tede lekcias kiel antaŭe kaj ofte pli similas la afero al konferenco kaj interkonsiliĝo. Prepariĝas la knaboj por la malfacilaj punktoj en la asignoj kaj ili profitas el estintaj eraroj. Interrompo dekminuta kaj poste lecionoj dum 20 minutoj, aŭ en kantado, mensa aritmetiko aŭ fizikekzercado kiujn oni ne povas "daltonigi". La labortago finiĝas per la tria horo de "libera" studo en la tem-ĉambroj.

La tabelo montros kiel la tempo dum semajno uziĝas en tiu ĉi lernejo. Kompreneble la tempon donitan al la infano li uzas laŭplaĉe kaj ne laŭ tabelo de la unuoj sed evidentiĝas la proporcio de klaslaboro kaj memstudo:

| Temo | Uzeblaj horoj | Tempo por klaslaboro | Tempo donita al infano | Unuo de studperiodo |
|---|---|---|---|---|
| Angla lingvo | 5 | | 5 | 60 minutoj |
| Literaturo | 5 | 1 | 4 | 48 „ |
| Aritmetiko | 4 | 1 | 3 | 36 „ |
| Geografio | 2 | 1 | 1 | 12 „ |
| Historio | 2 | 1 | 1 | 12 „ |
| Desegnado kaj Scienco | 2 | 1 | 1 | 12 „ |
| Entute | 20 | 5 | 15 | 3 horoj |

[1]) La Bibliaj rakontoj estas donitaj ĉefe el la homaj kaj literaturaj vidpunktoj ne de propagando de iu religio.

La jena plano montras kiel la ĉambroj en la iom malnova lernejo de S-ro Lynch estas aranĝataj:

Klaso
Klaso
Aritmetiko
Geografio
Literaturo
Alĝustiga ĉambro
Historio
HALEGO
Desegnado
Klaso
Angla lingvo

Taŭgaj bildoj, diagramoj, fotoj ktp. provizas helpigan fonon en ĉiu ĉambro. La alĝustiga ĉambro estas speciale por la nelerta infano. Se iu ĉambro per progreso de la studantoj en tiu temo restas malferma, la "libera" studo en tiu temo aplikiĝas en alia direkto. Gvidata de la principo de lerno laŭ intereso kaj volo de la studanto mem la sistemo povas elaste ŝanĝiĝi.

Laŭ la ĵus eldonita verko S-ro Lynch asertas ke eĉ por plenumi la ekzamenojn ordinarajn kaj por trafi bursarcojn en Britio la Plano sukcesas. Sed tiu vidpunkto ne gravas multe en la fina rezulto. Kelkaj sovetiaj instruistoj kritikis la Planon pro ĝia individuismo — la plej lerta infano individue sukcese kaj rapide plenumas la asignon kaj malestimas la alian lernanton kiu ne tiom rapide progresas. Kontraŭ tio la subtenantoj de la Plano asertas, ke estas multe da kunelaboro en la laboratorioj; ke la pli spertaj helpas la nespertulojn kaj kiam junuloj komencas, la pliaĝaj studantoj plezure gvidas ilin; ke en ludo kaj aliaj aferoj kantado, ekzercado, ktp. la grupspirito kreskas. La rigida disciplino, mutaj infanoj, ordonoj sen klarigoj, milito inter instruisto kaj lernanto — tiuj ĉi malaperas. La nelerta infano ricevas specialan helpon kaj konsilon kaj la pli lerta studanto ne malŝparas tempon. La unueco de iu grupo ne konsistas el uniformeco. Progreso okazas por la grupo kiam la individuo mem pensas kaj progresas laŭ kapabloj. Infanoj ne estas kruĉoj plenigotaj samampleksaj kaj uniformaj sed kreskaĵoj kiuj evoluas malsimile. Laŭ mia opinio la metodo de la Daltin'a Plano estas plensignifa. La kapitalistoj por amasproduktado volas havi amasedukitajn "robotojn"[1]) kiuj povas memori ordonojn kaj obei aŭtomate. Por sukcesa laborista socia sistemo necesas homoj pensantaj, memagaj kaj kapablaj kaj la Daltin'a Plano kun ĝustaj libroj, bone elpensitaj asignoj, kaj simpatiemaj instruistoj helpas al tiu celo.

---

[1]) "Roboto" — artefarita laboristo, plensimila al homo, sed senigita je memstara senta kaj mensa agado; personaĵo el la dramo "Rossumaj Universalaj Robotoj" de Karel Čapek; ekzistas ankaŭ esperanta traduko de ĉi verko.

# JE LA NOMO DE L' VIVO

Filozofi-lirikaj Fragmentoj
Originala verko de nia K-do **E. Izgur**
Enkonduko de **E. Lanty**
Antaŭparolo de **N. Kručinin**
Prezidanto de Tutukrainia Asocio de
Proletaj Verkistoj kaj Prezidanto de
Tutukrainia "Proletkult"
224 paĝoj, 13,5×18 cm, abunde ilustrita



**Jen kion diras la kritiko:**

"Se Izgur venus en la verkistan rondon kun tiu ĉi verko kiel unua produktaĵo de lia talento, ĝi sola sufiĉus por loki lin sur la unuan vicon de plenkonsciaj eminentuloj, sed Izgur jam donis al la homaro multajn aliajn similajn trezorojn kaj lia lasta verko estas plia ŝtupo en lia pilgrimado al la vero kaj lumo. Ĉiu fragmento de "Je la nomo de l' Vivo" valoras pli multe ol tutaj verkoj de aliaj aŭtoroj, kies plumoj bele rakontas, bele priskribas sed nenion diras. Ĉiu frazo de Izgur estas sentenco, ĉiu lia sceno prezentas la mizeron de la homaro tiel longe baraktanta por liberigi sin de tiel diversspecaj katenoj . . . " — SALJO.

("Kataluna Esperantisto".)



**Havebla ĉe nia Administracio:**
**Colmstrasse 1, Leipzig O 27**

**Prezo:** klasika eldono: bonega papero,
bela kovrilo . . . . . . 2.— mk.
luksa eldono: . . . . . . 2.50 mk.

# Propagandu

per speciala leterkoverto je memoro de la 40-jara datreveno de esperanto kun portreto de D-ro Zamenhof.

Prezo: 100 ekz. 2.— mk. g.

**Adm. de SAT.**

Presejo: Uns-Produktivgenossenschaft, Leipzig (Germanio)